# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto :** H. Hodler. †
**Redaktoro :** D-ro Edm. Privat.
**Direktoro de UEA :** Hans Jakob.

**Adreso : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**


**ENHAVO :**


Renoviga jaro .......... 1

**Literaturo :**

La malbona edzo .......... 2
Romano kun kontrbaso .......... 3
Tra la libraro .......... 5

Petoj kaj Proponoj .......... 7

**Diversaĵoj :**

La bildpaĝo de ESPERANTO 8-9
La nekonata batalanto .......... 10
Lingvaj studoj .......... 10

Oficiala Informilo de UEA .......... 11
Oni dankas .......... 12
Esp. problemoj : La rilatoj kun USSR .......... 13
Dante : Infero .......... 14
Reklamoj .......... 15-16



**XXX-a Jaro N° 401**

**JANUARO 1934**


# Renoviga jaro

Feliĉan jaron al ĉiuj esperantistoj ! Kun granda espero komencas UEA la novan epokon de nia movado, liberigita de la tempoperdigaj organizaj diskutoj. Unuigitaj, kontentigitaj, la samideanoj el ĉiuj landoj, sentas sin pretaj al seriozaj entreprenoj.

La unua tasko estas fortigi la centron, kiun deziris la esperantistaro por unuigi la diverslandajn klopodojn kun la internacia laboro sur tutmonda kampo. Propagandi la lingvon, instrui ĝin bone kaj havigi tujan eblecon de uzado sukcesa, jen la tri ŝtupoj de la tasko.

Por ke la centro povu ĉion taŭge kunligi, necesas ke ĝi ne plu bezonu tiom cerbumi por trovi monon. Kiuj proponis la unuecigon de nia movado, tiuj ŝuldas nun ĉion fari por pravigi la solvon kaj montri praktike per nombro de aliĝoj kiom avantaĝa estas la kuncentrigo.

Tio estas la unua devo. Kiam la tempo de la direktoroj estos malpli okupata per tiuj zorgoj kaj pli disponebla por aliaj entreprenoj, nur tiam nia movado eksentos la pozitivan gajnon atingitan.

Ne povos temi pri tuja aĉeto de la luno por pendigi al la Kristnaska festabio je la fino de la jaro. Sukcesigo de lingvo estas afero de longa klopodo. Povas iam prezentiĝi cirkonstancoj, kiam urĝa bezono rapidigos ĝin.

Sed unue necesus esti preta por tio. Ĉu ni havas sufiĉe da bonaj instruantoj ? Ĉu ni havas sufiĉan materialon literaturan kaj teknikan ? Sur la unua kampo, la Internacia Instituto gvidata de Andreo Cseh kaj subtenata de niaj nederlandaj samideanoj sub inspiro de gesinjoroj Isbrücker, starigis admirindan bazon por serioza preparado kaj jam kreis kapablan aron da instruantoj-apostoloj.

Sur la kampo literatura, niaj hungaraj amikoj, sub inspiro de Baghy kaj Kalocsay, kreis valoran centron de vera belarta radiado kaj riĉigo de la lingvo.

Muzeo de nia movado sub gvido de S-ro Steiner grandiĝas kaj riĉiĝas en Vieno, Internacia popola ĵurnalo en Esperanto nun penetras al ĉiuj anguloj de la mondo kaj portas la elokventan voĉon de Teo Jung, la fondinto de « Heroldo ».

Aliaj utilaj entreprenoj meritas citon, sed ni volis nur doni ĉu aŭ tri ekzemplojn. Estas taŭga sistemo dividi la taskojn tiamaniere, ke ĉiu nacia movado ankaŭ havu sian respondecon kaj apartan rolon en nia esperantista mondo. Neniu centro povas aŭ eĉ devas ĉion fari, sed ĉio estu bone kunligita per amika kunlaborado.

Nia venonta kongreso okazos en Stockholm, la ĉefurbo de unu el tiuj nordaj ŝtatoj, admirataj en tuta mondo pro ilia alta moderna civilizo, trovinta la ekvilibron inter materia kaj spirita vivo per saĝa uzo de popola libereco.

Samtempe ni rimarkas en la mondo ĉie senteblan deziron de la malgrandaj nacioj ligiĝi kaj kunmeti siajn fortojn por akiri pligrandan influon al paco. Neniam estis pli taŭga momento por prezenti al ili Esperanto kiel vivantan eblecon, tute pretan kaj kapteblan.

Jen sufiĉa programo por unu jaro. Al ĉiuj laborantoj kuraĝon kaj sukceson !

Edmond Privat.

**Premioj de frupago 1934 : La templimo estas plilongigata ĝis 28 Februaro 1934.**

# Literaturo

## La malbona edzo

**Humoraĵo el la tempoj de la velŝipoj**

de G. von Schmidt auf Altenstadt

Temas pri la malinda ago de Summers kontraŭ sia laŭleĝa edzino, ago, ĝis nun neklarigebla por la mirigitaj najbaroj. Ili vivis en granda havenurbo kaj ŝi laboris la tutan tagon por sia edzo, kiel ĉiu en la strato povis atesti — kaj jen ŝia rekompenso!

Antaŭ ol Summers edziĝis, sinjorino Summers estis sinjorino Ford. Ford forlasis antaŭ kvin jaroj la landon sur fregato kiel kuiristo; poste oni neniam plu aŭdis pri la fregato. Estis konjektite, ke ĝi frakasiĝis dum terura ventego proksime de la Kabo de Bona Espero. Kio koncernas Summers, oni lin konsideris feliĉulon, heredinte tian edzinon. Li estis kapabla ĉarpentisto kej lignaĵisto, sed tia malspertulo en la mondo, ke sen sinjorino Summers li eble ne estus povinta trovi la vojon tra la mondo. Mildanima, kvieta viro kun knaba vizaĝo kaj maldensaj lipharoj. Li ne havis ian ajn malvirton — eĉ la pipo malaperis post lia edziĝo. Dimanĉe li solene paŝis al la preĝejo en la ombro de granda ĉapelo kaj metis pencon — kiun ŝi propramane donis al li de lia semajna salajro en la almozsaketon. Poste li demetis siajn dimanĉvestojn kaj zorge brosis ilin sub la kontrolo de sia zorgplena edzino. Plue, sabate tagmeze li purigis trančilojn, forkojn, la flavkupran vazaron kaj lavis la fenestrojn, ĉio kun plenkonscia pacienco. Merkrede vespere li portis la tolaĵon al la kalandristo kaj sabate vespere li akompanis sinjorinon Summers, kiam ŝi eliris por aĉetadi kaj portis la pakaĵojn. Liaj virtoj estis naturdotoj kaj multnombraj. Ŝi estis admirinda dommastrino. Ĉiun pencon de la tridekses aŭ tridekok ŝilingoj de la semajna salajro ŝi elspezis plejprofite.

Komence ŝi akompanis lin al la konfekciisto kaj elektis por li kostumon kaj pagis. « Kompreneble viroj nenion konas pri tiaj aferoj kaj oni ĉiam trompas ilin » — sed poste ŝi trovis rimedon por eviti ankoraŭ tion. Ĉe la angulo de la strato ŝi malkovris vendiston de ŝtofrestaĵoj kaj ekfalis la ideon en ŝin, mem kudri vestojn. Decidemo estis unu el ŝiaj virtoj kaj iun tagon fantazi-somerŝtofo estis tajlorita kaj kudrita kiel kompleta kostumo por dimanĉo. Tiam ŝi metis Summers nepreparitan en ĝin kaj puŝis lin al la preĝejo antaŭ ol li sciiĝis, kio okazis al li. Li sin ne komforte sentis en la novaj vestoj. La kruringoj estis tro mallarĝaj ĉe la tibioj, pendis pli ol tri manlarĝoj super la kalkanoj kaj kiam li sidis, li ĉie sentis faldojn kaj kunkudrojn. La kolumo de la veŝto ĉiam supren puŝiĝis kontraŭ la kolo kaj tiklis lian nukon, dum la jakkolumo malhelpis spiradi kaj la talio pufiĝis balonforme. Je la malkomfortaĵoj li fine povis kutimiĝi, sed ne je la ideo pri restaĵoj de ŝtofkomercisto. Sinjorino Summers ne plu ĉesis kudri vestojn kaj ŝia origine timeme farita provo degeneris en formalan sistemon. Al Summers nenio plu restis ol submetiĝi al sia sorto. Li eĉ konsekvence toleris, ke ŝi iun tagon provis tondi lian hararon kaj poste ankaŭ ĉi tiun profesion ŝi ekzercis sur lin.

Tiele lia paca feliĉo daŭris plurajn jarojn, ĝis iu bela somervespero sinjorino Summers estis for el la domo por fari komisiojn kaj Summers estis hejme sola. Li lavis la te-servilaron kaj profunde meditis pri nova pantalono, ĵus hodiaŭ fintajlorita kaj multpromese pendanta al la pordo de la loĝĉambro. Jes, jen ĝi en la tuta senkulpeco de sia balonforma postaĵo, pli ol iam tro mallonga je la kruringoj, larĝa je la talio kaj okulfrapanta kiel modelo. Rigardante ĝin, ekvekiĝis en li diableto de la natura peko. « Ĵetu ĝin el la fenestro », flustris perfide la diableto. Summers deturnis sin, konsternita pro la malinda ideo kaj momenton li eĉ intencis refoje lavi la te-servilaron kiel pentofaro pro la hontinda penso. Tiam li retiriĝis en la malantaŭan ĉambron kaj de tie li rimarkis, ke la dompordo ne estis fermita, eble pro la kulpo de infano el la teretaĝ-familio. Malferma pordo estis io, kion sinjorino Summers abomenis — aspektas « aĉe » kaj Summers rapidis malsupren. Intencante fermi la pordon, li senintence vidis en la straton.

Sur la trotuaro promenetis, kun pipo en la buŝo, viro. Scivole observante la pordon. Lia vizaĝo estis sunbrunigita, liaj manoj profunde enigitaj en la pantalonpoŝoj kaj sur la postkapo li portis altan kapuĉon kun lana butono, kiel maristoj plejofte surmetas kiam ili libertempas sur solida tero. La viro proksimiĝis paŝon al la pordo kaj demandis:

« Ĉu sinjorino Ford estas hejme? »

Kelkajn sekundojn Summers lin alrigardis sen diri vorton kaj tiam respondis:

« Mi petas? »

« Ĉu la iama sinjorino Ford, nuna Summers estas hejme? »

Li tion demandis kun spiona rigardo, kion Summers ne komprenis.

« Ne », diris Summers abrupte « ŝi ne estas hejme nune ».

« Ĉu vi estas la edzo? »

« Jes ».

Preninte la pipon el la buŝo, li larĝe rikanridis kaj silentis. Fine li diris:

« La diablo forportu min, vi estas ĝuste la viro, kiun ŝi bezonas. » Kaj denove li rikanridis en si mem. Sed vidante, ke Summers volis fermi la pordon, li metis la piedon inter ĝi kaj la sojlo.

« Ne rapidu, kamarado! Mi venis por havi interparoladeton kun vi, inter viro kaj viro. » Kaj li sulkigis malafable la frunton. Tommi Summers sin ne sentis komforte, sed ne povante fermi la pordon, li diris:

« Kion vi volas? Mi ne konas vin! »

« Tiam senkulpigu min — mi prezentas min al vi. » Kaj tuŝante sian kapuĉon kun gesto de moka humileco: « Mi estas Bob Ford, kiun oni supozas subirinta kun la fregato Moolton kaj nun venas fari viziton al mia edzino. »

Dum ĉi tiuj paroloj la mentono de Tommi Summers malleviĝis pli kaj pli, liaj fingroj enfosiĝis en lian kaphararon, li fikse rigardadis la mariston, tiam eksteren, poste en la straton kaj denove rigardis la vizitanton — sen trovi vortojn.

« Venas por iome vidi mian edzinon », ripetis la fremdulo « kaj nun ni povas hejmece priparoli la aferon inter viro kaj viro, por tiel diri ».

Summers malrapide fermis la buŝon kaj aŭtomate supreniris la ŝtuparon. La ekkompreno de la situacio klariĝis iom post iom al li kaj la diableto denove vekiĝis. Supozu ĉi tiu viro estas Ford, supozu, li deziras rehavi sian edzinon, ĉu tiu estus por li, Ford, ekbato? Li pensis al la pantalono, te-servilaro, kalandristo, trančiloj, flavkupra vazaro, fenestroj kaj li pensis al ĉio tio ĉi, kiel faras ribelulo.

Alveninte supren, Ford kaptis lian brakon kaj demandis flustre kun raŭka voĉo :

« Kiom longe forrestos ŝi ? »

« Unu horon mi pensas », diris Summers kaj malfermis la pordon de la « bela » ĉambro.

« Aha » diris Ford rigardante ĉirkaŭ sin, « vi ĉion komforte aranĝis ĉi tie ; ĉi tiu seĝo kaj tiuj aferoj apartenis al ŝi, do propredire al mi, senĝene dirite inter viro kaj viro ».

Li sidiĝis, mediteme fumis forte la pipon kaj daŭrigis : « Jen mi revenis, Bob Ford, kiun oni kredis mortinta, nun sendifekta, sana kaj kiamaniere ? Malnova germana martirŝranko fiŝis min el la maro kaj portis min al Saŭ Francisko. Paron da jaroj mi rondvagis tra la mondo kaj nun (severe alrigardante Summers) mi venas, kara mia, por revidi mian edzinon ! »

« Ŝi ne toleras, ke oni fumu ĉi tie », diris Summers embarasite.

« Ne per la diablo, ŝi ne toleras » ekdiris Ford, prenante la pipon el la buŝo kaj premante ĝin kontraŭ la planko. « Diru, kiel vi ŝin trovas ? Ĉu vi devas purigi la fenestrojn ?

« Nu » respondis Summers, ĝenite hezitante, « mi... mi helpas kelkafoje ».

« Ho, — kaj la tranĉiloj, kaj la brila kupra vazaro ? Mi forvetas mian animon, ke ĉio... » Li leviĝis kaj sin klinis super la kapon de Summers. « Mian honoron... estas ŝia maniero tondi la hararon ! Mi estus malbenita kiam ŝi ne intencis fari la samon al mi. »

Li inspektis la ruĝiĝintan Summers ĉiuflanke — tiam ekprenante kruringon de la pantalono, kiu pendis al la pordo : « Nun mia lampo tuj estingiĝu, kiam ĉi tiu pantalono ne estas ŝia laboro ! Ĉu vi lasas vin enmeti en ĝin ? » Li rikanis ĝojmoke.

La diableto komencis argumenti kaj mediti per si mem : kiam ĉi tiu viro reprenus sian edzinon, ĉu li tiam ne bezonos porti la pantalonon ? « Ha ! » daŭrigis Ford. « Ĉu ŝi do ĉiam estas ankoraŭ tiel diable... prizorgema ? »

Summers komencis senti, ke tio ne plue bezonus tedi lin... estis ja klara... Anno estis la edzino de tiu viro kaj la honoro devigas lin rekoni ĉi tiun fakton. La eta diablo en li montris al li lian devon neeviteblan.

« Nun » ekfoje diris Ford » la tempo urĝas kaj tio ne daŭru pli longe. Mi ne estu kruela, kamarado ! Verdire, mi devus persisti je mia rajto, sed vidante ke vi estas honesta viro juna kaj ĉion tiel komforte kaj hejmece aranĝis en dioplaĉa, edziĝa maniero. Tial mi volas — ja la ŝarkoj englutu min — perfidi min mem kaj min malaperigi denove — estu tiel ! » (Kun eksplodo de grandanimeco.) « Mi faros honestan proponon de viro al viro — kvin funtojn ! »

Summers ne havis kvin funtojn, li eĉ ne posedis kvin pencojn. Li tion diris kaj aldonis : « Mi ankaŭ ne dezirus meti min inter edzo kaj edzino... ne, neniel ajn... tre doloras min... sed estas devo... mi ĝin plenumos ! »

« Ne » ekvokis Ford kaptante la brakon de Summers, « mi ne persistas je mia postulo — mi volonte iom rabatos — mi, mi diru du funtojn — tio certe ne estas tro, kiam mi min malaperigos por ĉiam tien, kie por tiel diri la ventegodrako furiozas kaj neniam plu revidos mian reedziniĝintan virinon, ĉu bone aŭ malbone. — Nu, du funtojn — inter viro kaj viro — tio estos honesta mi kredas ! Mi petas... enfrapu — jen ».

« Estas sendube honesta, pli ol tio » konfirmis Summers radiante... estas grandkore, sed mi ne ekspluatu vian noblan animon — Anno estas via edzino kaj mi ne volas stari inter vi ! Restu tie ĉi kaj ekposedu viajn rajtojn ! Estas *al mi* malaperi por neniam plu kruci vian vojon. » Kaj li faris paŝon al la pordo.

« Haltu ! » ekvokis Ford, sin metante inter la pordo kaj Summers. « Ne estu tro rapida — pripensu kia perdo por vi, se neniu prizorgos vin estonte... Ni diru unu funton kaj la afero estas finkondiĉita inter viro kaj viro — unu funton vi ja facile povis kaŝi antaŭ ŝi. Via horloĝo plue ankaŭ sufiĉus — kaj mi... »

Dufoja frapeto sur la dompordo aŭdiĝis.

« Kio tio estas ? » demandis Ford timplene.

« Mi volas vidi » diris Summers kaj rapidis ŝtuparon. Bob Ford aŭdis lin malfermi la pordon, li iris al la fenestro kaj ĝuste sub ĝi li vidis supron de virina kufo — ĝi malaperis en la enirejon kaj bonkonata virina voĉo atingis lian atentan orelon.

« Kien vi iras sen ĉapelo ? » la virina voĉo akre demandis.

« Estas iu supre... kiu deziras paroli al vi... »

Kaj Bob Ford vidis homan figuron rapide malaperi en la mallumo de la nokto ; li rekonis Tommy Summers.

Ford ne longe meditis, ĉar lia edzino staris antaŭ la pordo kaj mire rigardis post Summers. Li rapidegis en la malantaŭan ĉambron, ekmalfermis la fenestron, svingis sin sur la tegmenton de lavejo, de tie en la korton, transmigris — kiel sovaĝulo forkurante — la malaltan muron kaj tuj ĉirkaŭkuris la stratangulon. Neniu homa kreaĵo estas vidinta lin. Kaj tio estas la kaŭzo, kial la malinda forkuro de Summers, antaŭ la okuloj de sia propra laŭleĝa edzino ĝis nun restis enigmo por la najbaroj.

---

# Romano kun kontrabaso

**Humoraĵo de Anton Ĉeĥov**

La muzikisto Arĉulo iris el la urbo al la kampara somerdomo de princo Bibulov. Li estis ludonta tie, okaze de gefianĉiĝo, ĉe vesperfesto akompanata per muziko kaj dancado. Je lia dorso ripozis kontrbasego en leda ingo. Arĉulo paŝis laŭlonge de riverbordo. La rivero ruligadis siajn malvarmajn ondojn, kvankam ne majeste, tamen tre poezie.

« Ĉu mi baniĝu ? » ekpensis la muzikisto.

Ne pripensinte longan tempon, li senvestiĝis kaj mergis sian korpon en la freŝigan akvon. Estis belega vespero. La poeziema animo de Arĉulo komencis agordiĝi laŭ la harmonio de l'medio. Sed kia dolĉa sento ekkaptis lin, kiam post flankennaĝo de cento da paŝoj, li ekvidis belan junulinon, kiu estis hokfiŝanta, sidante sur la kruta bordo. Li retenis la spiron kaj preskaŭ svenis pro ekpuŝego de diversspecaj sentoj : rememoraĵoj infanecaj, spirado pri la pasinto, ekvekiĝinta amo... Ho, Dio ! Li ja estis eĉ pensanta, ke li ne kapablas plu ami. Lia edzino arde amita estis forkurinta kun lia amiko, la fagotisto Hundulo. De tiam li perdis fidon je la homaro. Sento de malpleneco ekposedis lian bruston kaj li evitadis siajn proksimulojn.

« Kio estas la vivo ? » li ofte demandis sin. « Pro kio ni vivas ? Ĉu la vivo ne estas mito, nura sonĝo ? »

Sed starante nun antaŭ la belulino dormanta (ĉar ne estis malfacile vidi, ke ŝi dormas), li subite reeksentis kontraŭvole en sia brusto ion similan al amo. Kaj longatempe li tiel staris, manĝante ŝin per la okuloj.

« Sed sufiĉas... » ekpensis li, profunde sopirinte. « Adiaŭ, ho mirinda vidaĵo ! Jam estas tempo, ke mi iru al la balo ĉe lia princa Moŝto ».

Rigardinte la belulinon ankoraŭ unu fojon, li jam intencis eknaĝi reen, kiam nova ideo preterflugis en lia kapo.

« Mi devas lasi al ŝi rememoraĵon pri mi », li diris al si. « Mi alkroĉu ion al ŝia fiŝhoko. Tio estos surprizo de nekonatulo ».

Arĉulo senbrue alnaĝis la bordon. Li ŝirkolektis bukedegon el kampaj kaj akvaj floroj, kiujn li kunligis per trunketo de atriplo. Li alkroĉis ĝin al la fiŝhoko. La bukedo enprofundiĝis, kuntirante post si la flosaĵeton.

La prudento, la naturaj leĝoj kaj la socia situacio de nia heroo postulas, ke la romano finiĝu ĉi tie. Sed ho ve ! La sorto de verkisto estas nefleksebla. Pro cirkonstancoj ne dependantaj de l'aŭtoro, la romano ne finiĝis per la bukedo. Malgraŭ la saĝo kaj la naturo de l'aĵoj, la kontrbasisto, malriĉa kaj neeminenta, estis ludonta gravan rolon en la vivo de l'riĉa kaj eminenta belulino.

Arĉulo alnaĝis la bordon. Granda surprizo atendis lin tie : liaj vestaĵoj estis malaperintaj. Oni estis ŝtelintaj ilin... Dum li estis admiranta la belan knabinon, nekonataj rabistoj forprenis ĉion krom la kontrbaso kaj la cilindra ĉapelo.

« Malbeno ! » ekkriis Arĉulo. « Ho homoj, vipernaskaĵoj ! Ne tiom indignas mi pro la senigo de l'vestaro, — ĉar vestoj estas ja pereeblaj, — kiel pro la penso, ke mi devos iri nuda kaj tiamaniere agi kontraŭ la socia moralo.

Li sidiĝis sur la ingon entenantan la kontrbason kaj ekserĉis eliron el sia terura situacio.

« Mi tamen ne povas iri nuda ĉe la princon » pensis li. « Estos tie sinjorinoj. Krom tio, la ŝtelistoj forprenis kun mia pantalono la kalofonon, kiu troviĝis en la poŝo. »

Longe, pene li pripensis, ĝis doloro je la tempioj.

« Ba ! » li fine ekrememoris. « Proksime de l'riverbordo, en la arbustaro, troviĝas ponteto... Ĝis kiam mallumiĝos, mi povas sidadi sub tiu ponteto ; kaj vespere, en la mallumo, mi iel trarampos al la unua dometo... »

Haltinte je tiu ĉi penso, Arĉulo surmetis sian cilindron, ŝarĝis la kontrbason sur la dorson kaj sin ektrenis al la arbustaro. Nuda, portante la kontrbason sur la dorso, li rememorigis pri iu antikva mita duondio.

Kaj nun, ho leganto. dum nia heroo sidas sub la ponto kaj sin fordonas al malĝojo, ni lin lasu por kelke da tempo kaj nin turnu al la junulino hokfiŝanta. Kio fariĝis el ŝi ? La belulino, vekiĝinte kaj ne vidante plu la flosaĵeton sur la akvo, rapide ektiris la hokfadenon. La fadeno streĉiĝis, sed nek hoko nek flosaĵeto aperis el la akvo. La bukedo de Arĉulo evidente estis akvomoliĝinta, ŝveliĝis kaj plipeziĝis.

La knabino pensis : « Eble estas kaptita fiŝego aŭ la hoko alkroĉiĝis al io ».

Sed, postkiam ŝi estis ankoraŭ foje tirinta vane la fadenon, ŝi decidis, ke la hoko estas alkroĉita.

« Kiel bedaŭrinde ! » ŝi diris al si. « Ĝuste vespero estas ja plej favora al hokfiŝado. Kion fari ? »

Kaj senhezite la strangulino deĵetis de si siajn eterajn vestaĵojn kaj subondiĝis sian belegan korpon ĝis la marmoraj ŝultroj. Ne facile estis dekroĉi la hokon de l'bukedo. Pacienco kaj laboro fine tamen venkis. Post kvaronhoro ĉirkaŭe, la belulino, radia kaj feliĉa, eliris el la akvo, tenante la hokon en la mano.

Sed la malbona sorto gardis ŝin. La sentaŭguloj, kiuj estis forŝtelintaj la vestaron de Arĉulo, forrabis ankaŭ la ŝiajn. Ili nur postlasis al ŝi la skatolon kun vermetoj.

« Kion mi nun faros ? » ekploris ŝi. « Ĉu mi iru tiamaniere ? Ne, neniam ! Prefere mi mortus. Mi atendos ĝis kiam mallumiĝos. Tiam, en mallumo, mi aliros la dometon de onklino Agafja kaj mi sendos ŝin hejmen por alporti al mi vestaĵojn... Kaj dume mi iros kaŝiĝi sub la ponteto ».

Nia heroino, elektante herbon kiel eble plej altan kaj kliniĝante, ekkuris al la ponteto. Enrampinte sub ĝin, ŝi ekvidis viron tute nudan kun muzikista hararego kaj harkovrita brusto. Ŝi ekkriis kaj svenis.

Ankaŭ Arĉulo ektimis. Unue li supozis, ke la knabino estas najado.

« Ĉu ne estas iu riversireno, veninta por delogi min ? » li ekpensis. Tiu ĉi supozo ekflatis lin, ĉar li ĉiam havis altan opinion pri sia eksteraĵo. « Se tamen ŝi ne estas sireno sed homo, kiel klarigi ĉi tiun aliiĝon ? Pro kio estas ŝi ĉi tie, sub la ponteto ? Kaj kio fariĝas el ŝi ? »

Dum li penadis solvi tiujn demandojn, la belulino rekonsciiĝis.

« Ne mortigu min » ŝi murmuris. « Mi estas la princidino Bibulov. Mi petegas vin ! Oni donos al vi multe da mono. Mi ĵus estas dekroĉinta fiŝhokon en la akvo kaj ŝtelistoj forprenis mian novan robon, miajn ŝuojn kaj ĉion. »

« Fraŭlino ! » diris Arĉulo per voĉo petega. « Ankaŭ mian vestaron oni ŝtelis. Krom tio, kun la pantalono oni ankoraŭ forrabis la kalofonon estintan tie.

Ĝenerale, kontrbasistoj kaj trombonistoj ne estas elpensemaj. Nur Arĉulo estis agrabla escepto.

« Fraŭlino ! » li rediris post momento. « Mi komprenas, ke mia vido vin konfuzas. Sed bonvolu allasi, ke mi ne eblas foriri de ĉi tie pro la samaj kaŭzoj kiel vi. Jen kion mi elpensis. Ĉu ne plaĉos al vi kuŝiĝi en la ingon de mia kontrbaso kaj kovriĝi per ĝia kovrilo ? Tio kaŝos vin de mi. »

Tion dirinte, Arĉulo eligis la kontrbason el la ingo. Dum minuto ŝajnis al li ke, cedante la ingon, li profanas la sanktan arton, sed lia ŝanceliĝo ne daŭris. La belulino kuŝiĝis en la ingon, kuntirante siajn membrojn ; kaj la muzikisto kuntiris la fermajn rimenojn, ĝojante, ke la naturo estis donacinta al li tian brilan menson.

« Nun vi ne plu vidas min, princidino » diris li. Kuŝu tie kviete. Kiam mallumiĝos, mi forportos vin en la domon de viaj gepatroj. Por la kontrbaso mi povos ja reveni ĉi tien poste. »

Je ekmallumo Arĉulo ŝargis sur siajn ŝultrojn la ingon kun la belulino kaj ekpaŝis al la somerdomo de Bibulov. Lia plano estis jena : alirinte la unuan kamparan dometon, li akiros vestaĵon ; poste li daŭrigos la vojon...

« Ne ekzistas malbono sen bono... » li pensis, sublevante la polvon per la nudaj piedoj kaj kliniĝante sub la peza ŝarĝo. « Pro mia varma prizorgemo pri la sorto de l'princidino, ŝia patro certe rekompencos min malavare. »

« Ĉu estas komforte al vi, princidino ? » li demandis per tono de bonmaniera kundancanto, kiu invitas al kvadrilo. « Bonvolu instaliĝi en mia ingo senceremonie, kiel en via propra hejmo. »

Kaj jen ekŝajnis al la ĝentila Arĉulo, ke antaŭ li, envolvataj en la mallumo, estas irantaj du homaj figuroj. Rigardinte pli atente, li konvinkiĝis, ke tio ne estas optika trompo : la figuroj efektive estas irantaj kaj eĉ portantaj iujn pakaĵojn...

« Ĉu ne estas la ŝtelistoj ? » ekpensis li. « Ili ion portas, verŝajne niajn vestaĵojn.

Arĉulo demetis la ingon flanke de l'vojo kaj postkuris la du figurojn.

« Haltu ! » li kriis. « Haltu ! Retenu ilin ! »

La figuroj ekrigardis malantaŭen kaj, rimarkinte la persekuton, ili siavice ekkuris. Longan tempon la princidino ankoraŭ aŭdis rapidajn paŝojn kaj kriojn « haltu ! » Fine tute silentis.

La persekutado forlogis Arĉulon. Kaj sen feliĉa hazardo la belulino estus verŝajne devigita kuŝadi ankoraŭ longdaŭre sur la kampo, apud la vojo. Ĝuste okazis, ke je la sama tempo, per la sama vojo, estis irantaj al la somerdomo de Bibulov du kolegoj de Arĉulo, la flutisto Skrabetulo kaj la klarnetisto Svingemulo. Faletinte pro la kuŝanta ingo, ili mirigite interrigardis sin kaj etendis la brakojn.

« Kontrabaso ! » ekkriis Skrabetulo. « Ba ! Estas ja la kontrbaso de nia Arĉulo ! Sed kiamaniere ĝi troviĝas ĉi tie ? »

« Eble io okazis al Arĉulo » decidis Svingemulo. « Ĉu li ebriiĝis ĉu li estis prirabita... Ĉiuokaze, la instrumenton ne konvenas lasi ĉi tie. Ni kunprenu ĝin. »

Skrabetulo ŝarĝis la ingon sur sian dorson, kaj ambaŭ muzikistoj ekiris antaŭen.

« Diablo ! Kia pezo ! » murmuregadis la flutisto de tempo al tempo. « Pro nenio en la mondo mi konsentus ludi je tia idolego... Uf ! »

Alveninte en la somerdomon de princo Bibulov, la muzikistoj demetis la ingon en la loko destinita por la orkestro kaj foriris al la bufedo.

Je tiu tempo oni jam estis lumiganta en la domo. La fianĉo, kortega konsilanto Lakeemulo, bela kaj simpatia oficisto de l'Departemento de Vojoj de Komunikado, staris meze de l'salono kaj, enmetinte la manojn en la poŝojn, pridiskutadis muzikon kun grafo Glasemulo.

« Mi » diris Lakeemulo, « persone konatiĝis en Napoli kun violonisto, kiu laŭlitere efektivigis miraklojn. Vi eble ne kredos, ho grafo ! Je kontrbaso, je ordinara kontrbaso, li ludadis tiajn diablajn trilojn, ke estis simple terure ! Eĉ valsojn de Strauss ! »

« Ha, kion vi rakontas ? Ne eblas ja ! » pridubis lia grafa Moŝto.

« Sed mi certigas vin ! Eĉ rapsodion de Liszt li ludadis sammaniere. »

« Rapsodion de Liszt ? Hm !... vi ŝercas... »

« Ĉu vi ne kredas ? » ekridis Lakeemulo. « Mi tuj pruvos tion al vi. Ni iru en la orkestrejon ! »

La fianĉo kaj la grafo direktiĝis al la orkestrejo. Alirinte la kontrbason, ili komencis rapide disligi la rimenojn... kaj... ho teruro !...

Nun, dum ia leganto, lasante liberecon al sia imago, pentras al si la finon de la primuzika diskutado, ni revenu al Arĉulo. La kompatinda kontrbasisto, ne povinte atingi la ŝtelistojn, reiris al la loko, kie li estis lasinta la ingon, sed la karegan ŝarĝon li ne plu revidis. Sin perdante en konjektoj, li plurfoje antaŭeniris kaj revenis laŭ la vojo. La ingon li tamen ne retrovis kaj decidis, ke ne estas la sama vojo.

« Tio estas ja terura ! » pensis li, kaptante sin je la haroj kaj kvazaŭ glaciiĝante. » Ŝi ja povas sufokiĝi en la fermita ingo ! Mi estas mortiganto ! »

Ĝis meznokto Arĉulo iradis laŭ la vojoj kaj serĉadis la ingon. Senfortigita li fine revenis sub la ponteton.

« Je ektagiĝo mi rekomencos la serĉadon » li decidis.

Sed post ektagiĝo la rezultoj de l'serĉado ne estis pli bonaj ol dum la nokto, kaj Arĉulo decidis atendi sub la ponto ĝis la vespero.

« Mi trovos ŝin ! » li murmuradis, demetante sian cilindron kaj kaptante sin je la hararo. « Eĉ tutan jaron mi serĉadu, sed mi nepre retrovos ŝin ! »

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La kamparanoj de tiuj lokoj ankoraŭ nuntempe rakontadas, ke ĉiunokte estas videbla apud la ponteto nuda viro harplena, kun cilindro sur la kapo ; kaj kelkafoje aŭdiĝas el sub la ponteto raŭkado de kontrbaso.

Trad. Charles Rosen.

# Tra la libraro

**Literaturaj verkoj — Diverstemaj eldonaĵoj**

Diverslandaj aŭtoroj famiĝis lasttempe per siaj policaj romanoj, aliaj per estontecaj antaŭvidaĵoj ; la ecojn de tiuj ambaŭ specoj kunigas moderna ĉeĥa verkisto : Ladislav Vladyka en la ĵus esperantigita : *Mi en li.* Stranga titolo ; ne malpli mistere malkvietiga la romano mem, lerte tradukita de Moraviaj Esperanto-Pioniroj. Konciza antaŭparolo karakterizas la aŭtoron : rimarkinda stilisto, kun naturalisma tendenco, specialisto pri studado de l'moderna virinanimo, ŝatanto de l'dialoga formo. Komence de l'rakonto, oni malkovras nudan kadavrinon, ankoraŭ sangantan, malproksime de la mortintejo, kie ĝi estis jam mortrigida de du tagoj ; ŝajnas tute nesolvebla tiu okazaĵo ; poste, per diversaj eklumoj, iom post iom riveliĝas la terura animo de viro, kiu perfortinte knabinon, edzinigas ŝin kun honesta sia helpanto, kiun li spirite kaj mone subiĝas por daŭrigi la malĉastan trompadon, ĝis, profitante eltrovojn de genia biologisto, la sama kiu revivigis la mortintinon, li kapablas enigi sian propran animon kaj vivon en la korpon de l'viktimo per mirakla interŝanĝo ; la rabito solan eliron trovas mortpafante sian fiestron, kiu ja fariĝis kvazaŭ li mem. Maloftaj kaj timigaj situacioj. Tiel neverŝajna aperas la vero mem, ke la pafinto, al tiu konsilo de l'juĝisto : « Parolu la veron kaj oni kredos vin », prave povas rediri : « Mi mem ne scias plu kio estas vera ». Kelkaj ĉapitroj, tiu de la diboĉo en moderna dancejo-drinkejo, aŭ tiu de la asiza tribunalo, estas pentraĵoj kun majstra potenco ; la tuta sinsekvo de l'surprizoj liverus facile unu el tiuj scenaroj, kiuj en filmo timtremigas la rigardantojn. Kaj la aŭtoro ne rozkolore sed krude pentras ; jen ekzemplo ; tute solaj hejme, laŭ per radio aŭdata tango, dancas la edziniĝinta heroino kun vizitanta ŝin medicinstudento :

« La muziko estis vento kaj ili estis du folioj sur akvosupraĵo. Kvazaŭ de akvo ili estis forportataj, poste ili revenadis subkonscie, por miri renkontante unu la alian senpere vizaĝon al vizaĝo. Iliaj pensoj fermis la okulojn kaj la okuloj de ili ambaŭ estis senpensaj. La ritmo de la kruroj kaj manoj transiris en iliajn koksojn kaj ventrojn, kaj ili agorditaj je la sama tono tremis unu en manoj de alia. » Cetere ne malprave diras en alia parto la juĝato antaŭ la tribunalo : « La tiel nomataj modernaj dancoj estas ja tiom voluptigaj ke — por ne konduti maldece — oni povas danci ilin nur publike. »

La legado postulas specialan atenton, ĉar la eventoj arte kaj komplike interplektiĝas, ĉar la stilo estas streĉe konciza kvazaŭ nuda prifakta raporto, ĉar la ofta senpera dialoga formo foje ne tuj montras la parolanton ; sed ŝatindaj intereso, noveco, strangeco rekompencas la klopodon. Ni kelkajn negravaĵojn notu : preseraroj, ĝenantaj kiam ili formas alian vorton (« do » por « de », « ŝia » por « sia », « obligata » por « ebligata ») ; vorto « devoligi », kiun oni eble devus skribi : « devligi », aŭ « devo-ligi », ĉar pro ofteco de afiksoj « de » kaj « ig », oni vane cerbumas por parencigi ĝin al radiko « vol » ; ĉu la esprimo « kurante sur ĉiuj kvar » ne estas ia naciismo ?

Kiam detektiva aŭ anticipa romano estas verkita kun genia imagemo, de lerta literaturisto, de iu Leblanc aŭ de iu Wells, ĝi fariĝas vera ĝuo eĉ por postulema leganto ; tia certe ankaŭ estas : « Mi en li ».

La nova libro de Julio Baghy : *Verdaj Donkiĥotoj* konsistas el du partoj, kiujn tiu titolo iom perforte celas kunigi : Romano : « *Paŭlo Paal* » kaj kolekto da karikaturaj skizoj :

«*La rondo familia*». Eĉ paŝanta, birdo restas flugilhava, diras franclingva verso; eĉ proze verkanta, Baghy restas poeto; tial lia facila stilo estas riĉa je lertaj kunmetaĵoj, je vivaj ritmaj frazoj, je originalaj komparoj. Ne necese longe serĉi tion pruvantajn paragrafojn; jen la unua de l'libro:

«La sunradioj ankoraŭ orumis la tagojn, sed la somero jam koketadis al la aŭtuno. Ĝi ŝanĝis la pompan verdon je multkolora kostumo. Frumatene prujno karesis la foliaron, vespere frostospira vento hirtigis la herbojn. La hirundoj preparis sin por formigro. Tamen la arbaro ne silentis. Gaja koncerto de birdoj eĥis en ĝia denso. Tute koncize, la Granda Arbaro aspektis kaj impresis kiel sukcesinta poemo de inspirata poeto.»

En «Paŭlo Paal», la unuaj partoj, la plej kortuŝaj, estas ankaŭ la plej bonaj; la freŝa idilio de l'komenco pli plaĉas ol la filozofiaj rezonadoj de l'fino, kaj tiuj ĉapitroj estas juveletoj indaj je antologio. Temas pri malklera mizera kampulo, kiun eraro de kuracisto kondukas al flegado en sanatorio; tie, «homo renkontas homon», ĉar li konatiĝas kun kleruloj kaj tute hazarde kun blinda fraŭlino, kaj ilia ambaŭa konverga influo grade senŝeligas tiun krudan naivan animon; Paal instruiĝas, konsciiĝas, fariĝas apostolo de noblaj idealoj, de Esperanto ankaŭ.

Oni rajtas demandi sin ĉu la mikso de emocio kaj ironio, de sincereco kaj parodio, se ĝi estas amuza por la leganto, ne malseriozigas la intencitan lecionon, ĉu estis taŭge glitigi de naiva romaneto al priskribo de spirita evoluo kaj al kritiko de l'nuna socia aranĝo? Sed la flua stilo (ankaŭ kun sensufiksaj verboj kiel «modestadi, fantomi, elokventi», k.t.p.) igas la legadon tiel agrabla, ke la veraj aŭ ŝajnaj misagordetoj en la temo fariĝas sensignifaj. Ni nur bedaŭru ke malzorgema korektisto ne forigis la restintajn preserarojn.

Pri la ironiaj mokaj skizetoj, el kiuj kelkaj aperis en niaj gazetoj, en ĉi tiu ankaŭ, ili sprite, eĉ kruelete ridigas niajn maniojn, ĉe naivaj, aŭ pretendemaj, aŭ iluziemaj, aŭ tedaj samideanoj, grupestroj, varbantoj, verkantoj, novemuloj, entuziasmuloj. Inter ili, la diroj de propagandisto, plenaj je gramatikaj eraroj, estus bonega ekzercilo, kiel teksto korektenda de lernantoj. La moto de tiu libroparto estas signifa pri la bonhumora tono:

«Dum ekstere regas la vespera lumo,
jen, interne egas la espera «umo»;
dum samideanojn premas ronda devo,
al amideano remas blonda Evo.»

Kaj tiu sola aserto jam pentras la evoluiĝintan modernulon:

«Jes, senioro. Unu silabon pli kurte... Hah, ni havantas superban primaveran seron.»

Estas instrue kelkfoje moke rigardi sin mem en spegulo; sed tamen tiu, kiun Baghy prezentas al ni, estas iom misformige kurba.

Estinteca, sed ankaŭ iel nuntempa, estas la temo de la romano: *La sorĉistino el Kastilio*, de Salom Asch, zorge kaj ame tradukita de Izrael Lejzerovicz. Malnova, ĉar ĝi estas historia elvokaĵo el la 16a jarcento; aktuala ĉar ĝia ĉeftemo, la persekutado kontraŭ judoj ne estas nura pasintaĵo; la tradukinto tion konstatas en sia bona antaŭparolo: «Ŝanĝiĝis la rimedoj kaj manieroj, sed la metodo kaj sinteno restis la samaj. La antikvaj egiptoj batalis kontraŭ la juda nacio, la mezepoko — kontraŭ la juda religio, la dudeka jarcento — kontraŭ la juda raso. Kaj la sekvoj estis ĉie kaj ĉiam la samaj: masakroj kaj ekziloj.» Legante tiun romanon, oni sonĝas pri la *Faraono* de Prus, aŭ pri *Quo Vadis* de Sienkiewicz, ĉar en ĝi ankaŭ, per larĝaj trajtoj, sinsekvaj vastaj riĉkoloraj pentraĵoj, la aŭtoro reaperigas viva antaŭ ni mortintan epokon, tiun de l'superstiĉo, de l'Inkvizicio, de l'aŭtodafeoj. Multaj scenoj tre reliefe rekreataj restos en la memoro de leginto: la kaŝita vivo de l'judoj en la Roma geto, la inundo en tiu kvartalo, la sonorilado de ĉiuj preĝejoj dum festa tago, la sekvantaroj kaj amuzadoj dum karnavalo, la turmentado de l'akuzitoj en la keloj, la pereo de l'virgulino sur la brulanta ŝtiparo. La aŭtoron nomas la tradukinto: «plej granda verkisto de l'juda literaturo». Efektive la verko potence impresas, la stilo havas ian elokventan oratoran formon en siaj longaj pompaj frazoj, kaj ĝian nedubindan literaturan valoron ankaŭ posedas la traduko. Sekvas ĝin, por helpo, tabelo de fakaj hebreaj vortoj, kaj ankaŭ dua por vortoj ne troveblaj en Plena Vortaro (kelkaj el tiuj lastaj ne tre necesaj en proza verko). Meritas rekomendon tiu bona traduko de atentinda historia romano.

Facila, agrabla legaĵo, konsilinda por tiu kiu volas perfektiĝi, kaj ne malpli valora por tiu kiu ŝatas honestan interesan prozaĵon, estas la rakonto de Selma Lagerlőf, en traduko de Stellan Engholm: *La mono de Sinjoro Arne.* La fama sveda aŭtorino, honorita per literatura Nobel' a premio, majstre verkas rakontojn fantaziajn aŭ legendajn; per simplaj rimedoj ŝi vekas simpation, kortuŝon aŭ malkvieton, angoron; ŝi lerte unuigas feaĵojn kaj realaĵojn, imagpovon kaj amon al popolanoj; dank'al ŝi ni ekkonas kun la vivo de kamparanoj en nordaj regionoj, iliaj moroj kaj tradicioj en nuntempo aŭ en malnovaj jarcentoj. Ni jam havis: «La junulino el Stormyr», moderna aventuro de malfeliĉa sed aminda knabino; pri «la mono de Sinjoro Arne», ĝi estas kvazaŭ mezepoka legendo, en kiu ludas rolon antaŭsignoj kaj sonĝoj, fantomaj animoj instigantaj al venĝo; ĝi estas ĉefe la lukto, ĉe junulino, inter la morala devo denunci murdiston, kaj ŝia tamena amo al li; la simpla naiva heroino similas tiujn kristanajn virgulinojn, protektatajn per siaj altaj virtoj, kiuj imponas eĉ al malbonuloj. Morala, samtempe kun aparta intereso, kaj en tute bona traduko, prezentas sin tiu romaneto.

*Servulraĵo* estas libreto arte eldonita; la kromkovrilo kun fotoaranĝaĵo, la dika literaro sur bela papero, ĉio tio tre plaĉas (sed kial post tia malampleksa poemaro troviĝas listo da korektotaj preseraroj). Legendo el slovena popolo estas tie verse esperantigita; ĝi ne estas traduko, sed poezia rekreaĵo en kiu nur la temo restis; tio ebligis ke la verkinto, Jakobo Stefančič, povis libere prilabori la rakonton, forlasi nenecesajn proprajn nomojn, kaj la rezulto estas brila: bona rimo, korektaj versoj tute taŭgaj por tia verko, plejparte deksilabaj trokeoj, foje cedantaj al alia ritmo. Ĝi diras la malgajan historion de servulo, kiun nova mastro maldungas post kvardekjara laboro; sensukcese li vice apelas al la mastro, al intelektulo, al komunumestro, al policestro kaj al pastro por akiri kion li kredas sia rajto; homoj kaj leĝoj kondamnas lin; pro malespero li fine bruligas la bienon. La tuto pledas por ĉieaj mizeruloj tro ofte nekomprenataj de riĉuloj aŭ superuloj. El prologo, ses dialogaj kantoj, kaj epilogo konsistas la poemo, kiun la aŭtoro konsilas deklamigi per kelkaj roluloj, ĥoro kaj muzika akompano. El la teksto oni tute forigis la apostrofan signon; tio ne tro ĝenas, sed tamen ŝajnas malaprobinda licenco pro eblaj miskomprenoj;

vortoj kiel « smei » por lici, darfi, aŭ « literato » ne taŭgas Ni ĉerpu ekzemplajn citaĵetojn. Jen printempa impreso :

« Florodoron semis akacioj.
Sur herbejoj, plenaj de lekantoj
Super la pulsantaj grenoplantoj
Flirtis riĉkoloraj papilioj.

Freŝmielon abelar'akiris,
Nestis hirundaroj en anguloj.
Malproksimen verdaj domokuloj
Palpebrumis, pli da lum' deziris. »

Jene respondas studento al plendo de l'servulo :

« La moralregulo jenas, strange :
Maljustecon la prolet toleros,
Ricevinte frapon unuvange
La alian vole li oferos ;
Post la jako lia forŝtelita
Estu la ĉemizo parcelita. »

Oftaj estas proverbecaj versoj kiel :

« Multan monon ŝtelis — financisto,
Sed paneron prenis — he ŝtelisto. »
« Havas vorton, kiu havas forton. »

Ankaŭ citinda tiu feliĉa aliteracio :

« En sia fulmflugila flirt. »

Kiam la verssenco permesus eĉ skribi : En fia fulmflugila flirt ! Povas esti ke leganto ie stumblos pro ne tuj komprenebla verso, pro tro konciza aŭ tro turmentita formo ; sed entute la poemaro estas ornamo en nia originala versliteraturo.

---

Okaze de la Kolonja Kongreso, la Loka Komitato dediĉis al la partoprenantoj belan albumecan libreton : *De Kongreso al Kongreso*. Pro la arĝenta (dudekkvina) jubileo, la libron tegas spegulbrila aluminia kovrilo, kaj la enhavon, por resti inter metalnomoj, oni prave nomus : Ora libro de l'kongresoj. Efektive post ĉapitro pri Zamenhof kiel poeto, sekvas dudekkvin mallongaj skizoj, po unu kun urbbildo pri ĉiu kongreso. La tekstojn verkis konataj lertaj samideanoj, kiuj prave ne intencis raportojn, sed personajn impresojn. Tiel la interno fariĝis aro da bonstilaj agrablaj skizetoj kaj la modernarte eldonitan libreton ŝatos ne nur ĵusaj kongresintoj sed ĉiu interesiĝanto pri nia movado.

Por memoro al la Skolta Ĵamboreo okazinta ĉe Gődőllő, apud Budapest, aperis interesa kolekto de skoltaj hungaraj kantoj sub titolo : *Kantas la Hungara skolto* ; ĝi liveras la tradukitajn parolojn de sesdeko da kantoj ; trionon el ili akompanas la muziknotoj kaj la hungara teksto ; ili kantas la skoltan vivon, ĝian leĝon, la naturon, la patrujon kaj (ĉi tie neatendita temo) knabinojn kaj amon. Bonegaj estas la tradukoj ; ne mirige ; plej multaj estas de Kalocsay aŭ P. Balkanyi. La libreto respondos la deziron esprimitan de D-ro S. de Borsiczky, hungara skoltestro : « Al tiuj kiuj nur per la lingvo Esperanto povas proksimiĝi al nia popolo, la kajereto estas bona vojo kaj bona rimedo konatiĝi kun la multe suferinta sed en animo forte staranta hungara nacio kaj ekami la hungararon. »

La lasta naŭa kajero de : « Evangelio de Belismo » estas : *Realigo de norma socio*. Finante sian planon al tutmonda organizo, la aŭtoro Okamoto-Rikiĉi diras : « Ĉio fariĝis jam klara. Ni havas nenian demandon plu. Restas al ni nur klopodi por realigo ». Eble tamen li tro simpligis la problemon por pli facile solvi ĝin, kaj iluzias kredante al multamasa konvertiĝo, al glata vojo ĝis la priskribita surtera paradizo. Li alvokas : « Mondanoj ! Revenu al vi mem en spirita vivo, revenu al la vilaĝo en materia vivo ! Klerigu unue vin mem, disdividu la klerecon al najbaroj. En kunvivajn grupojn kaj en iliajn unuiĝojn kaj ligojn rekonstruu la naciojn kaj la tutan mondon. Tiam malaperos landlimoj kune kun politiko. » La rimedoj estas reiro al agrikulturo, artifika moderigo de la naskado, forlaso de l'demonaj urboj, forigo de superemo, ekspluatismo, eĉ troa liberemo. Multaj asertoj nepruvigitaj, konceptoj tro metafizitaj, vortoj anstataŭ ideoj ; ankaŭ foje pekas laŭ lingvaj klareco kaj korekteco la cetere interesa broŝuraro.

Nova aldono al tiuj sciencaj studoj eldonitaj de Japanaj institutoj estas : *Observadoj Meteorologiaj kaj Aerologiaj* faritaj en la Aerologia Observatorio de Tateno en la internaciaj tagoj dum la polusa jaro 1932-33. Post enkonduko, la presaĵo konsistas el tabeloj kun la rezultoj de observadoj pri aerpremo, direkto kaj rapideco de vento, temperaturo, humideco, nuboj, faritaj ĉu per pilotbalono, ĉu per kajto, ĉu per mallibera balono, ĉu sur la tero. Povu iam ĉiuj komunintéresaj sciencaj laboroj tiel esti konigataj.

En formato iom pli ampleksa ol la ĝisnunaj, sed kun sama enhavo, aperas : *Koentji Esperanto (Malaja ŝlosilo)* ; tio permesas pli legeblan tekston. La libreto, eldonita sub kontrolo de I.C.K., estas laboraĵo de S-ro Liem Tjong Hie, jam konata per aliaj esperantaĵoj. Kvankam skribita per latinaj literoj, tre fremda aperas la malaja lingvo ; apenaŭ ni rekonas kelkajn eŭropajn aŭ nederlandajn radikojn ; mi spertis ke nur unu malajan vorton mi jam sciis : « orang », kiu ja signifas « homon ».

15 Novembro 1933. — G. S.

---

## Petoj kaj Proponoj

### INTERNACIA KOMERCO

*Andoro kaj Monako* poŝtmarkoj estas unu el la plej belaj de Eŭropo, mendu aŭ interŝanĝu ilin ĉe S-ro Charles Marseilles, 127 Av. Parmentier Paris (XI).

*Bonhumoro. — Plejbonhumoriĝu, legante* « Bonhumoro » *verkitan de Paul Nyssens :* Jen la tabelo de la ĉapitroj : Dediĉo. — Antaŭparolo. — Feliĉo kaj malfeliĉo. — Bonhumoro. — Avantaĝoj de bonhumoro. — Ni alprenu la vivon je ĝia bona flanko. — Sendiskutaj fontoj de ĝojo. — Pripensita optimismo. — Nia povo nin memregi. — Nia povo nin plibonigi. — Espero. — Kredfino. — Kuraĝo. Submetiĝo. — Animsendependeco. — Amo al la proksimulo. — Universala amo. — Sintrenado. — La profundaj kaŭzoj de malbonhumoro. — Sano. — Nutrado. — Spirado. — Sangorondirado. — Fizika kulturo. — Konscienco serena. — Sintenado. — Beleco. — Longa vivdaŭro. — La rideto. — Perfektiĝo. — Gajeco. — Korekteriĝo. — Ĝojo. — Konkludo.

*Ekspozicio.* — Por rondiranta ekspozicio, la Nordfranca Federacio bezonas materialon. Fakestro : S-ro Lechelle, 128 Av. de Condé, Valenciennes (Nord) Antaŭdankojn.

*Episkopo esp.* — Atendu por propagando novan portreton de la esperanto-episkopo. D-ro Ant. Eltschkner, helpepiskopo de Praha kun reprodukto de lia esp. blazono episkopa. Kontraŭ sendo de 1 internacia respondkupono ekspedas Ligo de katolikaj esp. en Ĉ.S.R., Praha, Brevnov 514.

*Jesu-kulto.* — Kiamaniere estas kultata la Jesu-Infano de Praha en mia lando, loĝloko ? Je tiu-ĉi temo malfermos Ligo de katolikaj esp. en Ĉ.S.R. internacian konkurson kun tri monpremioj po 200 kĉ., 150 kĉ., 100 kĉ. kaj kvar libropremioj. Ĉiu konkursanto ricevos portreton de esperanto-episkopo D-ro Ant. Eltschkner kun lia subskribo. Detalojn legu en « Espero Katolika » prov. Gerona, Collell, Hisp. Termino ĝis 15-a de marto 1934.

*Niaj prezoj* por restado 6, 10, 15 tagojn kun ekskursoj al San Remo (Italujo), Monte-Karlo, Monaco, Cannes, Grasses ktp. kredeble estas la plej malaltaj sur la Riviero. Petu programon de Internacia Hejmo Esperantista, Aspremont (A.-M.), Franclando.

ПОЧТОВАЯ КАРТОЧКА
С ОПЛАЧЕННЫМ ОТВЕТОМ
POŜTA KARTO kun afrankita respondo

Reproduktajo de kapo de poŝtkarto Esperanto-teksto (malgrandigito)

# ESPERANTO
## en poŝ servo

ПОЧТОВАЯ КАРТОЧКА
ДЛЯ ОТВЕТА
POŜTA KARTO por respondo

MAGY. KIR. POSTA
LEVELEZŐLAP
16f
MAGYARORSZÁG
BUDAPEST 933 MÁJ. 507

Universala Esperanto
Asocio

1 Tour de l'Ile 1

G e n e v e
Svisujo.

FELADÓ: Sendis: Hungara Skolta
Esperanto Rondo

Postkarte
Carte
Poŝtkarto
DANZIG 31.

XIX. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
DANZIG, 28. JULIO – 4. AŬGUSTO

Al est
Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado
12, Bould. du Théatre,
G e n è v e
Svislando, Schweiz

Volkstagsgebäude DANZIG Domo de l' parlamento
XIX.

Poŝtkartoj, poŝtmarkoj kun tekstoj
en internacia lingvo.

ЗАКРЫТОЕ ПИСЬМО
FERMITA LETERO

R MOSCOU № 932

Кому: Esperanto-Kongreso Danzig

Адрес отправителя: M. Valentinov. Rusio, Moskvo, Poŝtkesto n 714.

ABSENDER: INTERNACIA CENTRA KOMITATO DE LA ESPERANTO-MOVADO 11, Rue du Mt. Blanc GENEVE (Svislando)

CARTPOSTALE
Postkarte
POŜKARTO
10 RP
VADUZ 10. XI. 31 (LIECHTENSTEIN)

PFÄLZERHÜTTE (2111 m)
Schutzhütte auf dem Bettlerjoch / Ŝirm-kabano sur la Bettlerjoch

Al Redakcio de
"ESPERANTO",
Tour de l'Ile,
GENEVE ( Genf)
Schweiz

CARTE POSTALE
Postkarte
POŜTKARTO
20
VADUZ 9. IX. 30 (LIECHTENSTEIN)

Universala Esperanto-Asocio,
1, Tour de l'Ile,
Genève (Genf)
Schweiz

DORF BENDERN AM RHEIN / VILAĜO BENDERN APUD LA REJNO
H. C. KOSEL WIEN

CARTÃO POSTAL
(Poŝtkarto)

BRASIL CORREIO 33

RIO DE JANEIRO. O Corcovado (com o monumento de Cristo) e o Pão de Açúcar. Lo monto, Korkovado (kun la monumento de Kristo) kaj Pão de Açúcar (Sukerpano)

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA
AV. MARECHAL FLORIANO, 212

Al S-ro
Robert Kreuz,
"INTERNACIA CENTRA KOMITATO
11 Rue du Mont-Blanc.
G E N È V E
S u i ç a

ПОЧТА – POSTO CCCP – USSR
INTERNACIA PROLETARIA V. ESPERANTO-KONGRESO 1926

1 РУБ. ПОЧТА СССР

# Diversaĵoj

## Lingvaj studoj

### Pri la influo de Esperanto en nacilingvoj

Oni multe observas la influon de nacilingvoj en la lingvo internacia, sed neniam mi legis pri la kontraŭa fakto, nome, ke la lingvo internacia grave influos en la estonto de l'naciaj lingvoj kaj literaturo ; tial eble estos pardoninda la impertinenteco prezenti mian personan sperton pri la temo.

Senĉese legante Esperanton de mia infaneco, tamen, mi neniam estis pensinta ke ĝi povus iel efiki en la uzado de mia nacilingvo, ĉar ĉi-tiun mi parolas kaj skribas ĉiutage, kaj aŭdas je ĉiu' momento.

Min atentigis pri la fakto, tute hazarde, amika kritiko. La kritikisto rimarkigis, ke mia stilo estas tre simpla ke mi zorgas por atingi absolutan klarecon, eĉ se tiucele mi devas malbeligi la frazon. Al li ŝajnis, ke tia klarega redaktado postulus specialan atenton, zorgan vortelektadon.

Tial ke ion similan mi jam estis leginta pri mia publika parolad-maniero, nome, ke miaj paroladoj ŝajnas lecionoj, en kiuj la profesoro streĉas sian tutan forton por encerbigi en la lernantoj siajn pensojn, mi esploris mian propran stilon en centoj da gazetartikoloj.

El tia esplorado mi konstatis, ke pri kelkaj specialaj temoj mi unue legadis verkojn en Esperanto, kaj alkutimiĝis al Esperanta frazkonstruo por ilin trakti ; ne nur por eldiri, sed ankoraŭ por pripensi. Pri socialismo, ekzemple, mia unua legado estis malnova jam de longe malaperinta, nomata « Internacia Socia Revuo », eldonita en Holando, se mi bone memoras, kaj sinsekve aliaj verkoj, ĝis la lastatempaj eldonaĵoj de SAT. Pri Japanujo miaj unuaj legaĵoj estis la revueto « Orienta Azio ». Tial, pri socialismo kaj pri Japanujo, mia portugallingva stilo estas preciza traduko de Esperanto.

Estas landoj, popolkutimoj, pri kiuj mi nur legis en Esperanto. Ekzemple, Hungarujo, Ĉeĥoslovaka Respubliko, k.a. Miaj pensoj pri tiuj landoj estas tiel ligataj al Esperantaj vortoj kaj frazoj, ke mi tute ne scipovas imagi al mi tiujn popolojn parolante alimaniere, ol en Esperanto. Kompreneble, mia iluzio dolorige malaperus, se mi devus iam viziti tiujn landojn ; sed tiu iluzio formiĝis tre nature : La malmultaj hungaroj kaj ĉeĥoj, kiujn mi konas, parolas Esperante ; miaj korespondantoj skribas Esperante ; mi ricevadas revuojn kaj librojn en Esperanto el tiuj landoj. Tute ne gravas ĉu la nombro de l'Esperantistoj estas tre malgranda kompare kun la tuta loĝantaro de tiuj landoj, ĉar mi konas nur tiun frakcion, kaj per ĝi juĝas la popolon.

En la nuna disvastigstato de la lingvo internacia, certe malmultaj estas la homoj en kies nacilingva stilo Esperanto influas, sed tiuj esceptoj fariĝos regulo en la estonto, kiam ĉiu homo ekuzos lingvon internacian jam de la lernejaĝo.

Ŝajnas al mi, do, ke ne estos tro senfundamenta fantazio antaŭvidi epokon en la mondhistorio, kiam ĉiuj nacilingvoj, sub la influo de mondlingvo, fariĝos multe pli logikaj, ol ili estas nuntempe.

Ismael Gomes Braga.
Rio de Janeiro.

### La nekonata batalanto

Per tiu ĉi rubriko ni sinsekve aperigas mallongajn, se eble telegrafstilajn biografiojn de samideanoj — silentuloj — kiuj laboris por la movado, sed pri kiuj parolas nek kanto nek historio.

Apud la eminentuloj estas la aro da homoj, kiu ne postlasas memoraĵojn, sed kies persista laboro abelsimila ja sukcesigis la ideojn de la eminentuloj. Al ili apartenas tiu-ĉi paĝo.

Ni danke akceptas atentigojn kaj informon por la tiu-ĉi fako. Ni daŭrigas ĝin per la biografio de

**F'ino E. A. Lawrence,**

kiu nun estas pli ol 80-jara, laboris por Esperanto, en Londono, jam de 1896. Estinte guvernistino en la familio de S-ro W. T. Stead, la fama, angla ĵurnalisto, ŝi poste eniris lian oficejon kaj tie longe laboris pri internaciaj aferoj. Pro forta intereso en la ideo pri la kuniĝo de la nacioj, ŝi proponis, kaj poste aranĝis, sistemon pri la interŝanĝo de Germanaj, Francaj kaj Anglaj infanoj ; kaj en la dirita jaro, vizitante Germanujon, ŝi renkontis Prof. Hartmann, kiu parolis al ŝi pri Esperanto, kaj pruntedonis al ŝi francan lernolibreton. Tuj ŝi fariĝis Esperantisto kaj baldaŭ sukcesis interesi pri ĝi ankaŭ S-ron Stead, kiu promesis helpi je la disvastigado de la lingvo en Anglujo. De tiam li publikigis artikolojn pri Esperanto en la tre influa gazeto « Review of Reviews » ; kaj ne estas troigo diri, ke en la antaŭ-Bulonjaj jaroj preskaŭ ĉiuj Anglaj pioniroj ekinteresiĝis nur pro tiuj monataj artikoloj. Baldaŭ la unua Angla Rondo stariĝis, kaj kunvenoj okazis en la Revua Oficejo. S-ro Felix Moscheles, mondkonata artisto, kaj pacifisto, aniĝis, kaj rapide influis kaj varbis inter sia propra klera amikaro. Ankaŭ kun la bonvola kaj influa helpo de S-ro Stead, F-ino Lawrence sufiĉe multe altiris la atenton de la Londona ĵurnalaro.



Pro ŝia frapanta sukceso, la presejo de S-ro Stead komentis eldoni Esperantajn lernolibrojn, vortarojn kaj literaturaĵojn ; kaj daŭre raportis pri Esperanto en la « Revuo de Revuoj » ; kaj, ankaŭ, poste, en grava ĉiutaga ĵurnalo, S-ro Stead publikigis Esperantajn lecionojn por infanoj.

Jam antaŭ la Bulonja Kongreso, kaj multjare poste, F-ino Lawrence estis unu el la plej agemaj kaj sindonaj Esperantistoj en Anglujo. Ĉiu konis ŝin, kaj ĉiu amis ŝin. Neniun kaj nenion ŝi rifuzis, se ŝi povis helpi al Esperanto. Dum aliaj serĉis sian plezuron ĉe la Kongresejoj, F-ino Lawrence nur *laboris*, informante kaj instigante la presistojn kaj ĵurnalistojn, portante pezajn skribmaŝinojn kaj paperujojn de loko al loko, kaj de ĉambro al ĉambro, ĉiam rapidanta, ĉiam laboranta, ĉiam afabla, ĉiam ege modesta.

Hodiaŭ ŝi kuŝas surlite, ne riĉa, sed sufiĉe komforta kaj priatentata. Ankoraŭ ŝi kunliĝigas kun la familio de sia tre amata « Ĉefo », S-ro W.T. Stead, kaj ankoraŭ ŝi paciencege perglue enlibrigas ĉiutage nove ricevitajn presaĵojn pri ili, kiujn ŝi poste intencas donaci al lia favorita filino.

La Esperantistoj ne forgesu ŝin, ĉar internacie, kiel ankaŭ nacie, ŝi dumvive laboregis por la internacia interna ideo, kaj dum pli ol 37 jaroj ŝi sin dediĉis al Esperanto.

Unu el ŝiaj plej amataj memoroj estas la fakto, ke ŝi estis la unua Anglino en Bulonjo, kiu salutis la Majstron je lia alveno, en 1905.

# Universala Esperanto - Asocio


Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

Centra Oficejo :

1, Tour de l'Ile, Genève

## Oficiala Informilo

26-a Administra jaro 1934 :

N-ro 1 — Januaro 1934

Bankkonto:

Société de Banque Suisse

(Schweizerischer Bankverein), Genève.

*Svisa Poŝtĉeko:* Genève I. 2310.

*Nova jaro.* — La nuna jaro estas nova en du sencoj : UEA plilarĝigita eniras novan jaron kalendaran kaj novan laŭ la historio. Je tiu ĉi okazo la C. O. kaj la redakcio deziras esprimi al ĉiuj bonvolaj kunlaborantoj, al la Komitato, Ĉefdelegitoj kaj Delegitoj, al la tuta membraro sian sinceran dankon por la montrita fido, kompreno kaj subteno. Al ĉiuj elkoran deziron por pli bona, pli trankvila kaj pli prospera

**NOVA JARO**

*Prokrasto.* — Pro teknikaj kaŭzoj, nedependaj de ni la ekspedo de la speciala numero prokrastiĝis. Temas pri 25 000 ekzempleroj kio iom klarigas tiun ĉi malfruiĝon. Laŭ telefona sciigo de l'presejo en Antverpeno, la tuta dissendo finis la 29-an de Decembro. Ni petas senkulpigon pro tiu ĉi vere ne-agrabla afero.

*Premioj.* — Ni informas ke la rajto je frupago-premio estas plilongigata ĝis 28-a de Februaro 1934.

*Protesto.* — En oficiala Informilo n-ro 33 paĝo 202 ni informis pri Delegito en Zwittau-Svitavy, Moravio.

Ni ricevis gravan plendon kontraŭ S-ro Karl Karger kaj ĝis klariĝo de l'afero haltigas lin en sia funkciado.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

### Alĝerio

*Aïn-Témouchent* (Oran). — D : Charles Djian, 29. rue Pasteur, VD : Emile Djian, instruisto, 4, Bd. National.
*Tlemcen* (Oran). — D : Jean Delor, prof., Collège de Garçons.

### Britlando

*Alford* (Lincolnshire). — D : A.W. Leftwich, 53, West St.
*Alton* (Hampshire). — D : E.-F. Gray, Assisi, Kings Road.
*Bexhill-on-sea* (Sussex). — D : F-ino L.F. Whiteman, 11 Chepbourne Rd.
*Brighton.* — D : F-ino Emily Dovey, 1 Glendale Road, Hove.
*Doncaster* (Yorkshire). — D : John Farrand, 22 Buckingham Rd.
*Epsom* (Surrey). — D : Edgar de Knevett, 23 St. Martin's Ave.
*Gateshead* (Durham). — D : Fred Sutcliffe, 223 Prince Consort Rd.
*Halifax* (Yorkshire). — D : Frank Taylor, 19 St. Ives Rd.
*Harrow* (Middlesex). — D : Harry Milsom, 37 Devonshire Rd.
*Heywood* (Landashire). — D : F. W. Shaw, 81, Green Lane.
*Hulhwaite* (Nottingham). — D : George Naylor, 44 George St.
*Ilkeston* (Derbyshire). — D : F-ino Lois Hawley, 23 Park Ave.
*Luton* (Bedfordshire). — D : Robert Brash, 12 Stockwood Crescent.
*Mellon Mowbray* (Leicester). — D : Frank Cartledge, « The Lodge », Dalby Road.
*Motherwell* (Lanarkshire). — D : Peter Weir, 53 B, Millar St.
*Newquay* (Cornwall). — D : Drederik Arthur Sayer, 52 Crantock St.
*Northampton.* — D : George Arthur Plowman, 18 Adelaide St.
*Oban* (Argyll). — D : W. T. Samuel, 4 Strathaven Terrace.
*Petersborough* (Northampton). — D : Arthur Edwin Bailey, 77 Russel St.
*Perth* (Skotlando). — D : John J. Robertson, 40 Tay St.
*Saffron-Walden* (Essex). — D : F-ino D. D. Priestman, Friends' School.
*Saltcoats* (Ayrshire). — D : Hugh M. Millar, 38 Kerr Ave.
*Southampton.* — D : B. E. Lawrence, 69 Deacon Rd., Bitterne.
*Stretfird* (Lancashire). — D : S-ino E. B. Atherton, 55 School Rd.
*Wallsend* (Northumberland). — D : Th. Swinburne, 3 James Terrace.

### Egiptujo

*Alexandria.* — D : Atalla Hanna, Station Master, Hadra.
*Simbilaŭen.* — D : Abdulfattah Abdulrahman, Boys School.

### Ebura Marbordo

*Aboisso* (Afrika okcidenta franca). — D : Guy Rifaud, C-ie F.A.O.

### Estonio

*Holvandi.* — D : Karl Tunón.

### Francujo

*Asnières* (Seine). — D : Georges Knopf, 3, rue Denis-Papin.
*Athis-Mons* (Seine-et-Oise). — D : Marcel Chautard, 3, route de Fontainebleau.
*Bischheim* (Bas-Rhin). — D : Justin Galland, 64, Ave. de la Victoire.
*Bougival* (Seine-et-Oise). — D : Georges-Edmond Giroud, 3*bis*, Quai Rennequin. VD : André Lefrand, 99, rue du Maréchal-Joffre.
*Charenton* (Seine). — D : Gaston Bachelier, 78, rue de Paris.
*Chorey-les-Beaune* (Côte-d'Or). — D : Arthur Ratouillat, emeritulo.
*Franconville* (A.-et-O.). — D : Marcel-Charles Ehm, 21, rue Gutenberg.
*Illkirch-Graffenstaden* (Bas-Rhin). — D : Robert Gerhardt, Avenue Schanzmatt.
*Le Cannet* (Alpes-Mar.). — D : S-ino L.A. Benoist-Pegg, rue Jonquière.
*Les Andelys* (Eure). — D : Louis Caron, 1, Place de l'Eglise.
*Les Lilas* (Seine). — F-ino D : Andrée Daniel, 8, rue du Tapis-Vert.
*Montmorency* (Seine-et-Oise). — D : Maurice Duval, 4, rue Saint-Jacques.
*St.-Nazaire* (Loire-Infér.). — D : J. Morand, 173, rue de Pornichet.
*Sottesville-les-Rouen.* — D : Jean-Baptiste Robin, 14, rue Blanqui.
*Vence* (Alpes Mar.). — D : F-ino Marie Truchet, Ave. Foch. VD : Cécile Duclos, sekretariino, « Les Pras ».
*Villejuif* (Seine). — D : Joseph Marty, avenue des Ecole, 14.

### Kanarioj

*El Paso* (Tenerife). — D : Félix Fernández Gómez, El Paso-Palma, VD : Enrique Campos Galbis, instruisto, El Paso-Palma.

### Monako

*Monaco-Monte-Carlo.* — D : Jean Gelder, hotelposedanto, Hôtel des Etrangers, rue Florentine. VD : Louis Arnaldo Vannini, Villa Ziammetti, Bd. de l'Observatoire.

### Polujo

*Jaremcze-Jamna* (Stanislawowskie). — D : Andrzej Golachowski.

### Portugala Afriko

*Lourenço Marques.* — D : S-ino D-rino Maria Sofia Pomba de Amaral Guerra, farmaciistino, C.P. 264.

### Svedlando

*Ankarsrum* (Småland). — D : Harry Nanning.
*Billesholm* (Skåne). — D : Nils Welander. VD : Per Andersson.
*Boden* (Norrboten). — D : Hjalmar Petterson, 22 Parkgatan. VD : J.G. Strand, Ostra Strandvägen 7.
*Enköping* (Upland). — D : Karl Konrad Nyström, Box 330. VD : Karl Johan Elfman, Järnvägen.
*Karlskoga* (Wermland). — D : Sune Wilhelm Ahlm, Kanongatan 673.
*Katrineholm.* — D : Erik Andersson, 58 Fredsgatan. VD : Olaf Ohlsson, 43 Fredsgatan.
*Kvicksund* (Södermanland). — D : Holger Ekblad, Villa Skogbacka.
*Motala.* — D : Carl Hallros, Bispmotala Handelsträdgård. VD : Ivar Albertsson, Brinken.
*Nacka* (Stockholm). — D : Wilhelm Wivall, Sickla 61, Saltsjö.
*Örnsköldsvik.* — D : Per Perssohn, 7 Nygatan. VD : Carl-Erik Backlund, 37 Nygatan.
*Skogstorp* (Södermanland). — D : Allan Nilsson, Hannedal. VD : David Andersson, Kristånelund.
*Tierp* (Upland). — D : Gösta Eriksson, Box 600. VD : Nils Eriksson, Box 590.
*Vingåker* (Södermanland). — D : Hjalmar Kihlberg.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

**EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :**

Ne plu estas D en jenaj lokoj :

*Aŭstrio :* Leoben, Lienz.

*Ĉeĥoslovakio :* Falkenau a. Eger ; Koprivnice ; Kosten ; Líbčany ; Máhr. Neustadt ; Mirovice ; Nemecky Brod ; Neustadt a.d.T. ; Schaiba b. Haida ; Trešť.

*Egipto :* Kafr Ghannam ; *Ebura Marbordo :* Abidjan.

*Francujo :* Bécon-les-Bruyères.

*Germanujo :* Morsbach ; Oberfriedersdorf ; Stolpen ; Waldheim.

*Polujo :* Lida (Nombro : 20).

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Novembro 1933 .................. | 2.103 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo ................ | 20 lokoj |
| | 2.083 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.XI. ĝis 15.XII.1933 ........... | +64 lokoj |
| Stato je la 15 Decembro 1933 .................. | 2.147 lokoj |

Genève, 15 Decembro 1933 Hans Jakob, Direktoro de UEA

## Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

*D-ro Henri Sentis,* 15 Decembro 1933 en Grenoble. Unu el la plej malnovaj francaj esperantistoj. Li komencis la studadon de nia lingvo en 1900 kaj de tiam seninterrompe sin okupis pri ĝi. En 1902, kun S-roj Boirac, Evrot, Aymonier k.a., li kreis la Grenoble' an Grupon kaj estis sinsekve ĝia sekretario, Prezidanto, Honora Prezidanto. De 1908 li restis fidela ano de UEA. Li naskiĝis en Briançon, 1850, lernis ĉe la Normala Supera Lernejo, en Parizo, kaj tuj poste komencis instrui fizikon en diversaj liceoj, en tiu de Grenoble de 1881 ĝis 1913. En 1897 li fariĝis Doktoro pri Sciencoj. Emeritulo en 1913, li de tiam sin okupadis preskaŭ ekskluzive pri Esperanto. Li skribis diversajn lingvistikajn verkojn, inter kiuj : « Kion bezonas Esperanto », en ili li konigis siajn personajn ideojn pri la perfektigo de Esperanto. Li ankaŭ skribis literaturaĵojn : « Urso », « En Monto », « Blua Kardo », kun reformemaj tendencoj. Je ĝia apero « Ido » ŝajnis al li la vera solvo de internacia lingvo, sed, post kelkmonata ellernado, li honeste konfesis sian eraron. Ĝis sia morto li regule eldonis lingvistikajn foliojn plenajn je interesaj rimarkoj. Oni povas aserti ke, se liaj verkoj ne ĉiam estis lingve ortodoksaj, li tamen ĉiam konscience kaj sincere laboris, celante nur la bonon de Esperanto, neniam sian propran gloron aŭ profiton.

Liaj amikoj kaj multaj korespondantoj certe bedaŭros tiun tre afablan kaj sciencan samideanon.

Ĉe la enterigo la prezidanto de la Grupo « Alpa Stelo », S-ro Dejean, priskribis lian grandan idealisman laboron kaj, en la lingvo, kiun li tiom amis, diris al li lastan adiaŭon.

S-ro Jan Huttar, jura kandidato, iama ano de UEA en Pisek, Ĉeĥoslovakio, 21. Dec. 1933.

S-ino Jeanne Evrot, edzino de S-ro Raymond Evrot, Delegito en Annecy, Hte-Savoie, 18 Dec. 1933.

S-ino Helene Barth, patrino de F-ino Charlotte Barth, anino de UEA en Dresden, 8. Dec. 1933.

S-ro Prof. E. Grosjean-Maupin, akademiano kunverkinto de l'Plena Vortaro. (Laŭ gazetinformo, sen detaloj.)

F-ino Julia Adams, 80 jara en Troy, Penn. USA, fratino de F-ino Fannie A. Baker, 16 Nov. 1933.

S-ro Ludwig Istel, Honora Membro kaj dum pli ol 20 jaroj energia Delegito de UEA en Wiesbaden, 17 Dec. 1933. Surpriziga estis la lakona informo pri tiu-ĉi morto, sen pliaj detaloj. Unu semajnon antaŭe ni korespondis kun S-ro Istel pri multaj aferoj... jen la sorto decidis alie.

*Sinceran kunsenton !*

## Oni dankas

*** S-ro J. Neukomm, inĝeniero en Pompey, Francujo Delegito de UEA, elkore dankas S-ron D-ron E. Migliorini de la Reĝa Societo Geografia Itala, Delegito ; kaj S-ron La Colla. VD en Roma pro tre afable plenumita servo.

*** D-ro Walter Lippmann, advokato en Leipzig, ano de UEA kore dankas al la Vicdelegito en Bruselo, S-ro Robert Debel, pro rapida plenumo de informpeto.

*** S-ro Geza Lévay, ano de UEA el Komarno, skribis al ni :

*** Dum la pasinta kaj ankaŭ ĉi jare la ekonomia situacio devigis min multe migradi, dum mia migrado mi havis la okazon multfoje uzi la praktikan servon de UEA per ties delegitaro.

Por kelkaj mi dankis letere, sed neniun mi volas lasi sen danko tial mi petas vin estu bonvolemaj interpreti mian dankon al la jenaj delegitoj kaj samideanoj :

En Ĉeĥoslovakio : D. Jaroslav Šustr, Josef Janda, en Praha ; D. Josef Vondroušek, en Brno ; D : D-ro Stanislav Kamaryt, E. Wanitsek kaj la grupon Esp. en Bratislava ; D : Josef Schuster en Eger ; D : D-ro jur Elfriede Hein, en Mies ; D : Karel Šmid, en Nitra ; D : Viktor Badin, en Novi Zamky ; ĈD : Otto Sklenčka, en Hradec Králové ; D : Jan Kratochvila, en Sered ; VD : A. Jandik, en Uzhorod ; D : Josef Reininger, en Šamorin ; D : Vaclav Kral, en Rimavska Sobota ; D : William Anderl, en Čop. En Hungarujo : La grupojn de HESL, en Budapesto ; D : Pal Heczke, en Tőrőkszentmiklos. En Aŭstrio : D : Nikolao Hovorka, en Vieno ; kiu ebligis unu monatan restadon por mi ; D : Anton Schauer, en Klosterneuburg ; D : Franz Stanke, en Krems ; la laboristan grupon en Wels ; D : Maria Hertik, VD : Alfred Kobl, en Baden bei Wien ; D : Franz Wandl, en Hainfeld an der Gőlsen ; D : Johan Faatz, VD : F. Wimmer, en Steyr.

En Germanujo : D : Albert Maurer, en Hattersheim ; D : Leo Funken, en Koblenz ; la grupon en Wiesbaden ; D : Heinrich Rippel, en Würzburg.

Fine mi dankas la VD. en Spa, Belgujo, kiu ebligas pasigi la vintron ĉe li. Mi ne povas ankaŭ sen danko lasi la faritan servon dum la Kongreso Kolonja de S-ro Hans Jakob.

# Esperantistaj problemoj

XVII

## La rilatoj kun U. S. S. R.

Foliumante la Jarlibron de la Esperanto-Movado oni konstatas, ke en la Unio de Socialistaj Sovjetaj Respublikoj ne ekzistas Delegitoj de UEA. Regule oni demandas pri la kaŭzo, kial senpolitika, pure praktika kaj utileca organizaĵo kia estas UEA, ne estas reprezentata. La rilatoj kun USSR estas unu el la problemoj, kiujn ĝisnunaj provoj ne sukcesis solvi. Kontraŭstaras faktoj, kiujn jena artikolo montras.

Iom da historio. La antaŭa Ruslando estis fakte la lulilo de la ideo de Esperanto. Kvankam la lingvo naskiĝis sur pola tero, la akompanaj kondiĉoj estis ligitaj al *tiu* Ruslando, kiun multaj el ni konis *nur* kiel klasikan landon de la politika subpremo, de pogromoj, de subaĉeto, del'akveto (Vodka) kaj de multaj kvalitoj bonaj kaj malbonaj. En la Esperanto-Movado ĝi ludis ankaŭ specialan rolon. Ne estis eble fondi societojn sen permeso, nefacile atingebla. Dum certa tempo, precipe post la malvenko en fora oriento, la Esperantistoj estis suspektitaj kiel anoj de ia « subplanka » agado. Ne forigebla memoraĵo el tiu ĉi tempo estas la cenzura enskribo en la unuaj libroj, eldonitaj de la kreinto de nia lingvo aŭ de aliaj. La danĝero, uzi energion en politika agado, puŝis multajn homojn al etikaj kaj humanecaj movadoj. Esperanto trovis baldaŭ aron la fidelaj adeptoj kaj pioniroj. Kaj al D-ro Zamenhof ja ŝvebis antaŭ la okuloj, la multlingveco de tiu giganta imperio, kiu ankoraŭ nun, post la amputacioj orientaj kaj okcidentaj, ja ampleksas seponon de la tera surfaco. Cento da diversaj idiomoj ekzistas en tiu ĉi kaldronego. Ideala ŝtato por internacia aŭ intergenta lingvo.

La liberiĝo de Ruslando estas nur klasa. Ni opinias *liberecon* en la senco politika. Hodiaŭ U.S.S.R. estas eksperimentejo de socia novordigo, pri kio kontraŭdiras sin la informoj. Unu fakto estas, ke ekzistas kolosa volo, transformi ĉion kaj ke multaj kreaĵoj tie, meritas atenton bonvolan. Ni okcidentanoj ja kutime mezuras per niaj malgrandaj kondiĉoj kaj parolante pri Ruslando forgesas, kiom giganta ĝi estas, kiom malsama estas tiu ĉi unio de socialistaj respublikoj.

---

Antaŭ-la granda milito, Ruslando aktive partoprenis do la movadon. UEA kalkulis milon da anoj, kio, se oni konsideras, ke estis ne simple aliĝi al eksterlanda organizaĵo, estis atentinda. Neforgesinde estu, ke la rusaj samideanoj estis libro-aĉetantoj fidelaj kaj la ekzistinta Esperanto Librejo en Moskvo, fondita de energia esperantisto Saĥarov, havis atentindan debiton. Tion la sekvoj de la milito detruis.

Kaj UEA ? Nu post 1919 ĝi klopodis ree grupigi la estintajn amikojn, helpata de Komitatano rusa, Stanislav Ŝabunieviĉ. Al la kompleta anarkio kelktempa, aldoniĝis la detruo de la valuto. La rulanta rublo iĝis paperĉifono senvalora. Sub tiaj kondiĉoj la rekonstrua laboro fariĝis neebla.

Tamen UEA kolektis kelkajn fidelulojn kaj post ĉeso de la civil-militoj, ŝajnis ke ion oni povus ja atingi. Reaperis kelkaj delegitoj. Tiun komencon neniigis « ukazo » de la Sovjetlanda Esperantista Unuiĝo, kiu malpermesis al UEA daŭrigi sian laboron. Tio okazis en la jaro 1923. La rilataj dokumentoj aperis en ESPERANTO, paĝo 141-142, jaro 1923. La strukturo de la sovjeta organizo leĝa allasis tiun krudan formon kaj UEA trovis plej simple, ne perdi tempon en paperaj protestoj. La gvidantoj de SEU, ja posedis la povon.

---

Dek jaroj nin disigas de tiu ĉi tempo. Ŝanĝis multe dum tiu ĉi epoko. La suspekton, kiun renkontis la sovjeta ŝtato, anstataŭis la realeca politiko de la *Do, ut des*. Unu lando post alia restarigis la oficialajn rilatojn kun USSR, kiu ree fariĝis faktoro en la tutmonda rilataro. Al sobraj interkonsentoj pri interŝanĝo de varoj kaj materialoj, sekvis amikeckontraktoj. La reĝimo sidas forte, neniu en Eŭropo serioze pensas entrepreni krucmiliton por « savi » la civilizacion.

Tiuj faktoj pensigas, ĉu daŭre USSR restu kvazaŭ dezerta lando en la landkarto de l'Esperantismo. Ni scias ja ke ekzistas bone funkcianta movado, ke aperis centoj da libroj, ke la oficialuloj de la ŝtato atentas pri Esperanto. Ne estas sekreto, ke la diktatoro de USSR scias la lingvon, kio ne volas diri, ke li estas verdstela samideano.

Ĉu tamen ne estus eble krei ion similan en USSR, al la sistemo de Delegitoj de UEA al servoj k.t.p ? Siatempe, kiam Sovjetlanda Esperantista Unuiĝo dekretis la malaperon de UEA en USSR, la gvidantoj proponis malprecize ian aranĝon. UEA tion ekzamenis sed la Komitato ne esprimis sin kaj vere oni ne sentis emon. Grandan rolon ludis la financoj. Monon oni ne povis rekte ricevi kaj la kurzdiferencoj kun vivkondiĉoj estas tro malsamaj. UEA nur estus perdinta monon. La konsolidiĝo de USSR pensigas nun je ia provo, restarigi la Delegitservojn kaj akcepti kotizojn, eĉ sub alia formo. UEA ekrilatis kun SEU por sciiĝi pri ĝia sinteno. Jen la interŝanĝitaj korespondaĵoj :

Genève, 14 Septembro 1932.

Al Sovetrespublikara Esperantista Unio
USSR Moskvo Spiridonovka 15.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

*Restas nun la demando, ĉu estus eble estonte trovi ankaŭ aranĝon pri apliko de kelkaj servoj de UEA en kontakto kun SEU. Kiel vi scias, nia Delegitaro voĉdonis pasintan jaron, kompletigon de nia statuto pri aranĝo kun societoj, kio rajtigas nun fari aranĝojn laŭ oportuneco kaj ebleco. Ni ĉiam pensas, ĉu ne estus eble, ke UEA havu denove Delegitojn en USSR, Delegitoj interkonsente elektotaj kun SEU. Ankaŭ ke UEA havu denove membrojn, kiuj havu samajn rajtojn kiel niaj aliaj anoj. Bonvolu ni petas vin ekzameni tiun tute sendevigan demandon kaj informi nin kiel eble plej baldaŭ.*

---

Moskvo, 9 Oktobro 1932.

Al UEA, Genève.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Koncerne reciprokecon de la servoj ni opinias reciprokecon kiel viaflanka helpo en servoj kaj informoj sciencaj, industriaj kaj aliaj. Via deziro fari pri interservo kontrakton, koincidas kun nia. Ni petas sendi al ni specon de interkonsento kun regulareto pri la informpetservo.

---

Tian kontrakton ni preparis tuj poste. Sed SEU ne povis, pro leĝaj kaŭzoj verŝajne, akcepti tiun ĉi formon. Intervenis la organiza batalo, kio kune kun la tagaj zorgoj, ne permesis daŭrigi la diskuton pri la formo de l'aranĝo.

*Konkludo :* UEA estas preta labori pri certaj taskoj komuninteresaj kun la organizaĵo de la esperantistoj en USSR. Saman pretecon oni vidas ĉe SEU. Kontraŭstaras al efektivigo de plano proponita, internaj kaŭzoj. Nova etapo en la repreno de rilatoj aferaj estas la trovo de la taŭga « formulo ».

H. J.

# Dante : Infero

La jarfino alportis al ni eksterordinaran donacon. Inter la provoj, kunligi en elektita formo la tutan pensaron homan, ĉiun manifeston de sentoj, ornami la tutajon per historiaj arabeskoj, estas la *Divina Commedia* la plej grandioza, la plej elstara. Kaj tiun dokumenton de homa genio, ni posedas hodiaŭ en Esperanto, se ne la tutan, tamen la plej gravan parton : *L'Infero*. Apud la *Biblio* la *Dia Komedio* estas la verko, kiu estis tradukita, aŭ reverkita, en la pli multajn lingvojn.

Priĵuĝi la nunan tradukon, estas tasko delikata, iafoje maldanka. Esperanto, juna lingvo ankoraŭ ne evoluis tiagrade, ke oni rajtus ĝin lokigi je sama piedo al nacia lingvo. Tio fiksas por esperantista poeto limojn, ne ĉiam transireblajn per kreo de pure propraj kreaĵoj. Aro da novaj vortoj enestas, pri kio niaj vortaristoj havos grandan ĝojon diskutante ilin.

Ne estas loko tie ĉi priĵuĝi la verkon, kiu legiĝas facile, memorigante la italan originalon. Kiom multaj provis transigi la pensojn de l'genia florentiano en alian lingvon kaj duonvoje haltis ? Al lingvistoj en nia rondo prezentiĝas okazo kompari tiun ĉi esp. tradukon kun propra nacia. Inter la germanaj tradukoj, provo de Stefan George (mortinta antaŭ nelonge en Locarno) meritas esti citata, pro originaleco. Jen komparo en la kvar lingvoj : Itala, Franca, Germana, Esperanto, de la surskribo ĉe « La pordo de l'infero ».




Kelkajn vortojn pri la libro mem. Ke ĝi estas plaĉe presita, *ne* bezonas esti dirata ĉe eldonaĵoj de AELA. En antaŭparolo, D-ro Kalocsay montras la animstaton lian dum la laboro. En posta ĉapitro, informoj pri Dante kaj lia verko. Kaj sur ĉ. 230 paĝoj la poeziaĵo mem. Ornamita de belaj lignogravuraĵoj de hungara artisto Dezső Fay. Tre valora estas la notoj de l'tradukinto kaj listo de novaj vortoj uzitaj. Kaj fine, modesta rimarko, ke helpis finance la eldonon, itala samideano Gino Catarzi.

Dankon al vi ĉiuj por tiu ĉi perlo de nia literaturo, inda pliriĉigo de nia lingva trezoro, kaj konsilon al vi legantoj : Akiru kaj legu tiun verkon !

---

*Tra mi vi venas urbon de turmento,*
*tra mi vi venas al dolor' ĉiama,*
*tra mi vi venas al damnita gento.*

*Aŭtoron mian gvidis justo flama,*
*La Dia Povo kreis min en kaŝo*
*kaj Cefa Saĝo kaj Praforto Ama,*

*Ne estis antaŭ mi kreita aĵo*
*krom la eternaj ; mi eterne staras.*
*Ĉiun esperon lasu ĉe l'enpaŝo.*

*Per me si va nella città dolente*
*per me si va nell' eterno dolore*
*per me si va nella perduta gente*

*Giustizia mosse il mio alto fattore*
*fecemi la divina potestate*
*la somma sapienza e il primo amore.*

*Dinanzi a me fûr cose create,*
*se non eterne, ed io eterno duro*
*lasciate ogni speranza, voi ch'entrate.*

∴

*Par moi l'on va dans la cité dolente.*
*Par moi l'on va dans l'éternelle douleur.*
*Par moi l'on va chez la race perdue.*

*La justice fut mon ouvrier supreme*
*La divine Puissance me fit*
*Avec la souveraine Sagesse et le premier Amour*

*Avant moi nulles choses ne furent créées,*
*Excepté les éternelles, et moi éternellement je dure.*
*Laissez toute espérance, vous qui entrez.*

∴

*Durch mich geht man hinein zur Stadt der Trauer*
*Durch mich geht man in der Verlornen Zelle*
*Durch mich geht man zu Leiden ewiger Dauer*

*Aus Recht gab mir der Schöpfer meine Stelle*
*Die göttliche Gewalt hat mich geweitet*
*Die erste Liebe und die höchste Helle.*

*Vor mir war kein geschaffenes Ding bereitet*
*Nur ewige — wie auch ich ewig stehe.*
*Lasst jede Hoffnung die ihr mich durchschreitet.*

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj :* L-letero ; PK-poŝtkarto ; PI-poŝtkarto ilustr. ; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko ; Gaz.-gazeto ; k.ĉ .-kun ĉiuj landoj ; C.r-certe respondos.

*Adresŝanĝo.* — Al miaj malnovaj korespondantoj mi respondos per longa skribo. Novajn mi akceptas nur se ili skribas per Intersteno. Zorge skribu vian adreson. Afranku filatelie. S-ro C. Daglio, *Costa Vescovato* (Pr. Alessandria, Italujo).

*Alblasserdam* (Nederlando). — S-ro J. v. d. Rhee, Delegito de UEA, kolektas esperantaĵojn por ekspozicio.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. Zilver, Damrak 95 (Box H & P) nur PM. Malrespondas bagatelojn.

*Antwerpen* (Belg.). — S-ro C. Severins, Touwstraat 22-I., l.PM. k.ĉ.

*Ay* (Francujo-Marne). — S-ro M. Mongeois ; L.PI.PM.c.r.

*Bakhus pr. Halsen* (Norveg.). — S-ro Ragnar Skattum, kun Islando, Kanado kaj okc. Usono, nur interstene.

*Barreiro* (Portugalo). — Manuel Valente, rua Miguel Bombarda 143-145, ĉ.r.ĉ.l.

*Barreiro* (Portugalo). — Sebastiao da Silva, Travessa da Vitória 8, k.ĉ.l.-ĉ.r.

*Barreiro* (Portugal). — S-ino Augusta Gomes Prates — pro kon — vinkigaj celoj deziras interŝanĝi jurnalojn k. revuojn pri teksaĵoj, brodaĵoj k. inaj artoj. Nepre respondas.

*Bitolj* (Jugoslavio). — S-ro Milan Miŝkoviĉ, Nebregovska 2, instruisto, vegetarano, nudisto, montar-amanto, biciklisto, novlumano, kontraŭalkoholulo, L., PK., k.ĉ.l. kun samideanaj samcelantoj.

*Bombay* 4 (Hindujo). — S-ro A. K. Divekar, Delegito de UEA, Room 1, Govardhan Bhuvan Khetwadi Main Road, Post Girgoon : petas atenti pri sia nova adreso.

*El Paso-Palma* (Canarias). — S-ro Maestro Cami Noviejo, PM-PI.

*Hirschberg i. Rgb.* (German.). — S-ro B. Meissner, Friedhofstr. 11, 20 jara studento, L., PI., PM., k.ĉ.l.

*Izieux* (Franc. Loire). — Jean Rouchouse, 1 rue Emile-Zola, kun eksterlandanoj.

*Leeuwarden* (Nederlando). — S-ro Cornelis Wiersma, Schapestraat 3. Nur interstene kun Francujo (suda) kaj norda Afriko. Afranku filatelie.

*Liessel N. B.* (Nederlando). — S-ro M.H. Engels Loon, kun Centra Ameriko, nur interstene. Afranko filatelia dezirata.

*Masjid-i-Sulaiman* (Persujo). — S-ro H. Taher Zadeh, A.P.O.C., Ltd., L kaj ŝanĝo de fotografaĵoj prefere kun f-inoj. C.-r.

*Olivaes* (Moscavide, Port). — S-ro Fernando Antonio Rebelo, Vivenda Felicidade 4 deziras korespondantoj el Borneo, Liberio, Groenlando kaj Oceanio por sia lernantaro.

*Preŝov* (Ĉ.S.R.). — Stutentoj kaj studentinoj de ev. gimnazio, L., PI., kun studentoj de Italujo, Svedujo, Norvegujo, Rusujo, Grekujo, Oriento, precipe Palestino kaj Norda Ameriko. C.r. Adreso Frant. Novotny, profesoro, Preŝov. Ĉeĥoslovakujo.

*Treinta y Tres* (Uruguay). — S-ro Oscar de los Santos Diago. deziras korespondi kun tutmondaj gesamideanoj, ĉ.r.

84



Kion faras la knabino ? La knabino manĝas pomon.
Kia estas la knabino ? La knabino estas manĝ**anta.**

85



Kion faras la bovino ? La bovino trinkas akvon.
Kia estas la bovino ? La bovino estas trink**anta.**

86



Kion faras la knabo ? La knabo legas libron.
Kia estas la knabo ? La knabo estas leg**anta.**

**Sed :**

Kia estas la pomo ? La pomo estas manĝ**ata.**
Kia estas la akvo ? La akvo estas trink**ata.**
Kia estas la libro ? La libro estas leg**ata.**

**anta** = estas finajo de la **aktiva participo** de la verbo.
**ata** = estas finajo de la **pasiva participo** de la verbo.



L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. - 12-1-34.